# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 1/03/2018 Tricent- sesdektria eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate * Pasintaj eldonoj *

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Ĝis nun 1,550,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo



Ekstudis pli ol 1,240,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015)

Ekstudis pli ol 314,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

## N.ro 17 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)



P.A.G. mencias ankaŭ, ke la diversaj voĉoj donas al lingvo la eblon variigi la stilon, ĉar oni povas lumigi bildon el pluraj direktoj, kun nur nuancaj diferencoj. Ekz. "Ni malpermesas fumi ĉi tie" kaj "Estas malpermesita/ata fumi ĉi tie" kaj "Fumi ĉi tie malpermesiĝas aŭ malpermesatas". Alia ekzemplo: "Oni ne uzu la artikolon ĉi tie" kaj "La artikolo ne uzatas ĉi tie" kaj "La artikolo ne uziĝas ĉi tie" kaj "Ne uzu la artikolon ĉi tie" kaj "La artikolo ne estas uzata ĉi tie". Alia ekzemplo: "Ĉiuj longe dormis" kaj "Longa dormo dormiĝis" kaj "Longa dormo dormatis de ĉiuj" kaj "Longa dormo estis dormata/estas dormita de ĉiuj". Ĉi tiuj ekzemploj iomete montras ke Esperanto estas eĉ pli esprimriĉa ol la etnaj lingvoj. Claude Piron tre montris tion en sia libro.

*Marcel Leereveld.*




★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.





Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 3a de Marto estis la unua sabato.

*Roger Springer*





# Semajna raporto de Melburno

**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 25an de Februaro kvin homoj kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Ni babilis, lernis novajn vortojn kaj kreis improvizitan rakonton.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 26an de Februaro sep homoj vespermanĝis ĉe restoracio kaj poste kunvenis ĉe Ross House. Ni bonvenigis gaston de Japanujo, kaj multe babilis.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

Dimanĉa kunveno, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Dimanĉon 4an de Marto je 15:00-17:00

MEA Jarkunveno, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

Lundon 5an de Marto je 18:30-20:30

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 1047 Instagram – 146

Facebook – 377 Telegram – 19

Twitter – 380

*Joanne Johns*



# Ŝanĝoj en Kanbero



Estas ŝanĝoj kiuj ne estas ŝanĝoj. La Esperanto Kafo Klubo de Kanbera ne nun kunvenas en la Pancake Parlour, 122 Alinga St. Civic sed en *Capital Pancakes*, 122 Alinga St., Civic. La entrepreno ŝanĝis manojn pasintan jaŭdon. La menuo ne multe ŝanĝiĝis kaj la senbrueco ŝanĝiĝis nur iomete do ni ne ŝanĝis la lokon. Sed ni estis la unuaj aĉetantoj en la 'nova entrepreno' kaj tio estas nia eterna famo! Do, kiam vi venontfoje vizitos Kanberon, ni bonvenigos vin en *Capital Pancakes*.

Post la pasintjara translokiĝo de Diano Lukes kaj ŝia nepo Logan al Kanbero nia kutima nombro ĉe la semajna kunveno estas kvin. Eble la plej granda grupo en Aŭstralio rilate al la nombro de enloĝantoj! *Huigh Malcolm*



# Merkredo ĉe la Esperanta Domo, Sidnejo.

## 130 jaroj de Esperanto

Tempo: 28.2.2018 15h00-17h00

L. L. Zamenhof disvolvis la internacian lingvon Esperanto en la 1880-aj jaroj kaj eldonis la unuan publikigon pri ĝi, Unua Libro, en 1887. Ekde tiam la nombro de Esperanto-parolantoj kreskis, kvankam ili ne havis kaj havas multajn subtenojn de registaroj kaj internaciaj organizoj kaj foje estis malpermesataj aŭ alimaniere subpremataj.

Hodiaŭ ni prezentos la historion kaj evoluadon de Esperanto, de ĝia unua publikigado ĝis la deklaro de la germana urbo Herzberg kiel unua Esperanto-urbo en la mondo.



Dum la paŭzo, ni provizos kafon, teon kaj esperantlingvan muzikon.

La hodiaŭa gastiganto Rainer estis prezidanto de la Germana Esperanto-Asocio, kaj nuntempe vizitas Aŭstralion. Li komence lernis



Esperanton dum 20 horoj ĝis li faris sian unuan Esperanto-vojaĝon (al Japanujo). Intertempe li uzis Esperanton por vojaĝi al pli ol 40 landoj. Ĝis baldaŭ *Rainer Kurz*



## 30-SEKUNDA VORTLUDO



Rearanĝu la literojn de la angla *NEAT PROSE* kaj elkovru juvelon ege pli valoran ol la oro. 😆 *Vera Payne*



**BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO**

kunvenas la trian sabaton ĉiumonate, 13:30h

Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj

Ĉu vi ŝatas teatron ?

- -- strebas al
- -- estas indignita pri
- -- estas ofendita pro
- -- estas kolera kontraŭ

- -- estas jaluza pri
- -- estas seniluziigita de
- -- estas enamiĝinta en
- -- estas subtenata de

- -- estas atakata de
- -- estas trompata de
- -- estas ofen data de
- -- estas erarigata de

**La ĉefheroo batalas por...**

Saluton el kvinslando *Petro Danzer* BES Sekretario



# Malpurajôoj en mia ĝardeno.

## ĈU RIDI PRI "RII", AŬ PLORI ?



Antaŭ kelkaj semajnoj aperis en A. E. informataĵo pri "ri".

Jen mia opinio pri "ri". Se ni uzas "ri" por ambaŭ seksoj anstataŭ "li" kaj "ŝi" (kaj "ĝi"), ni devas konsekvence uzi "ri" en ĉiuj kazoj, en kiuj ni ne scias ĉu viro sentas sin ino aŭ ĉu virino sentas sin viro. Tiu nescio okazas en preskaŭ ĉiuj kazoj, escepte de kelkaj tre proksimaj "ilieroj". Tiu "ri" do aperos oftege. Multaj el tiuj "ilieroj" sentos sin ofendataj se oni uzas "ri" pri ili, ĉar ili koleros, se oni dubas pri ili kaj ne traktas ilin kiel plenajn kaj ordinarajn kaj normalajn "li" aŭ "ŝi".

Do mi ne uzas "ri"; nek multaj etnaj lingvoj. Kaj se la problemo gravas (kion mi ne pensas), kial tiuj riistoj ne enkondukas similan ekstran pronomon en siajn etnajn lingvojn? Kial ili pensas ke ili rajtas ludi pri Esperanto, dum ili ne rajtas nek kuraĝas ludi pri sia etna lingvo?

Kaj mi demandas, kial ili ne uzas "iliero", kiu vorto obeas la Fundamento'n, ĉar "ili" kaj "ero" estas oficiale Zamenhof'aj : ero de "ili" estas kompleta parto de "ili", do li aŭ ŝi aŭ ĝi. Do konsekvence mi uzas "iliero" kiam mi ne scias ĉu la persono estas li aŭ ŝi aŭ sentas sin "ŝi" aŭ "li" aŭ "ĝi" aŭ senseksa. Ankaŭ pri la bestoj mi uzas li aŭ ŝi kiam mi scias, aŭ ĝi kiam mi ne scias. Ankaŭ en la angla mi neniam referencis al mia ĉevalo per ĝi; mi ja ĉiam diris "Li estas en la malantaŭdoma kampo", eĉ dum li necese estis senseksigita. Ĝi estis li nur ĉar li havas penison. Ĉar la scienco ankoraŭ ne kapablas krei homojn elnaskiĝe sen seksiloj, mi uzas li aŭ ŝi depende nur de iliaj seksorganoj, kaj se mi ne scias tion, laŭ iliaj vestaĵoj. Se iu "li" aŭ "ŝi" alisekse vestas sin, mi kompreneble uzas la malĝustan pronomon, sed tio verŝajne plaĉos al la transvestint(in)o.

Do mi ne bezonas la ne-Fundament-ecan "ri" ĉar sufiĉas la Fundament'ecaj "iliero" kaj "ĝi" kaj "persono" kaj "tiu". Mi ne ridas, sed nur ploras pri "ri", kaj mi same devas plori pri la pronomoj "imi" kaj "ifi" por la pluraloj maskulina kaj feminina senmiskomprene mankantaj en Esperanto. Kompreneble mi juĝas niajn homojn neakordiĝantajn kun sia korpa sekso same valoraj kaj amindaj kiel la reston de ni, malgraŭ ilia ega malmulteco kompare kun la granda plejmulto. Sed pro ilia malmulteco ili estas esceptoj. Kaj la naturo de nia Tero bezonas kaj kreas esceptojn, se nur pro tio ke ili kaŭzas valorajn mutaciojn, sen kiuj ni plu estus simioj.

Mia opinio pri la maluzindeco de "iĉi" estas simila.

**Kaj jen averto**: Se ni komencas ŝanĝi la gramatikon de Esperanto, inter aliaj per "ri", ne estos fino por tio, ĉar tiam multaj homoj trovos, kelkfoje pravajn, aferojn kiuj bezonas ŝanĝon. Estas pli bona ŝanĝi per jamaj reguloj, kiel la pasivan voĉon "batati", aŭ akcepti la nur kelkajn malfortaĵojn en Esperanto, ol perdi la tutan lingvon per ŝanĝoj de la Fundamento. Bonŝance la plejmulto scias tion.

*Marcel Leereveld.*

## MI EKTIMAS …… PRI LA VIRA RASO.

Mi ektimas: Legante la novaĵojn kaj rigardante ĉirkaŭ mi, mi timas pri la vira homaro. La multaj viroj, kiuj post kvar, kvin, dek, aŭ dudek jaroj ne plu povas ami sian edzinon. La multaj viroj kiuj sen amo kaj sen permeso ŝatas aŭ ŝatus tuŝi la korpon de ĉirkaŭantaj virinoj. La multaj viroj kiuj ŝatas aŭ ŝatus seksumi kun infanoj. La multaj viroj kiuj batas aŭ sklavigas sian edzinon. La multaj kiuj iugrade plu amas sian edzinon sed dume havas, sekrete aŭ ne, seksrilatojn kun alia virino, juna amikino aŭ prostituitino. La multaj kiuj revadas pri amo kaj seksumo kun neatingebla virino. Kaj tiuj kiuj turmentas sian edzinon ĉar ŝi ne faras kion li volas. Kaj tiuj kiuj amas al kaj seksumas kun aliaj viroj dum Naturo kreis ilin por gravedigi inojn, tiom kiom eble. Kaj tiuj kiuj ne kapablas trovi edzinon. Kaj tiuj kiuj ne kapablas seksumi. Kaj tiuj kiuj ofendadas sian virinon. Kaj tiuj kiuj perfortas virinojn. Kaj tiuj kiuj seksumas kun siaj propraj gefiloj, K.t.p., k.t.p., k.t.p.

Mia timo estas ke tiuj malvirtoj estas naturaj karakterizoj, kaj ke multaj el ni kapablas subpremi tiajn naturajn tendencojn, kiuj tamen estas tie, sentataj aŭ subkonsciaj. Ke ĉar mi estas viro mi estus nenormala se mi ne havus la ĉi suprajn inklinojn. Mi sentas min pro tio tre suborda al la virinhomaro, kvankam mi scias ke ankaŭ virinoj havas tiajn malvirtojn, sed nur tre malmultajn, kiel ekzemple havi la bezonon post kvin jaroj serĉi alian, pli freŝan amanton, aŭ havi la bezonon turmenti sian edzon. Sed tiuj malvirtoj virinaj estas ege malmultaj, dum ni viroj ŝajnas havi, konate aŭ subkonscie, preskaŭ ĉiujn menciitajn.

*M. L.*

## TEĤNIKA GRAMATIKAĴO. Tria Parto.

Pasintan semajnon ni vidis, ke en pluraj eŭropaj lingvoj, ekzemple la angla, franca, kaj germana, ekzistas du sentempaj participoj, la aktivovoĉa imperfekta (*continuous*) per “*-ing*” kaj la pasivovoĉa (*Passive Participle*) per “*-ed*” kaj “*-en*”. La eŭropaj lingvistoj malĝuste plu nomas la pasivan sentempan participon la pasinta participo ĉar antaŭ multaj jarcentoj ĝi disvolviĝis el pasiva perfekta adjektivo predikativa (el kiu disvolviĝis ankaŭ la perfekta participo) “*I have the chicken in an eaten state = The chicken is eaten (having been eaten) plus alternative = I have the chicken eaten = I have eaten the chicken*”. La unua “*eaten*” estis subjekta predikativo kaj la dua “*eaten*” estis objekta predikativo. Dum la tempo tiu subjekta predikativo “*eaten*” perdis la signifon de tempo: *the eaten chicken* fariĝis *the being eaten chicken* sen tempo kaj tial nun nomata la Pasiva Participo.

C.

Do la tria participo en la koncernaj lingvoj estas la sola participo kiu plu indikas tempon, la pasintan tempon. Ĝiaj finaĵoj estas, malbonŝance, la samaj kiel tiuj por la Pasiva Participo, “-*ed*” kaj “*-en*” en la angla, “*-e’* kaj *–i* kaj *–u*” en la franca, kaj “*-en*” kaj “*–t*” kun prefikso “*ge-*“ en la germana. Ĝia nomo estas *Past Participle* k.t.p., Pasinta Participo. Ĝi ne uzeblas kiel adjektivo, ne plu indikante la pasivon ĉar ĝi ne plu estas predikativo. Anstataŭe ĝi povas uzati nur kun la helpoverbo “*to have* k.t.p.”, “havi” kaj kune indikas KAJ la tempon de la diro (per “*have*”) KAJ la tempon de la ago (“*eaten*” = perfekto) KAJ la aktivan voĉon (per “*have*”). En Esperanto ne ekzistas tia kombino de aktivaj verboj kun du tempoj, sed nur ekzistas, kiel en la

antikvaj etnaj lingvoj, predikativa adjektivo indikanta nunan staton de substantivo pro pasinta ago (Mi estas manĝinta). Krome ekzistas en Esperanto simila adjektivo en "-onta" indikanta nunan staton de substantivo pro futura ago; P.A.G. nomas ĝin la Predikta Tempo.

Notu ke en la etnaj lingvoj tiu "Perfekta Tempo", la pasinta participo kun la helpverbo "havi", *to have, avoir, haben*, uziĝas pli kaj pli por indiki kaj anstataŭi la Preteriton, la simplan pasintan tempon en tiuj eŭropaj lingvoj: *He has eaten/il a mangé'/er hat gegessen nun ofte* havas la signifon de *He ate/il mangea/ er ass*, depende de la cirkonstancoj.

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Milan Sudec mortis



Kara Roger, eble iuj el viaj legantoj memoras Milan Sudec.

Li naskiĝis la 27-an de Februaro 1927.

Okaze de lia naskiĝtago mi telefonis al la maljunulejo, kie li vivis dum jam pluraj jaroj.

Oni informis min, ke li mortis antaŭ kelkaj semajnoj.

Mi funebras pro la forpaso de silenta, sed fidela esperantisto kaj amiko.

Amike,

*Peter Weide*






★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# ATENTU, MI PETAS, AŬSTRALIAJ ESPERANTO-ASOCIOJ

En la tria per-reta *Kresko*, la kroatia bulteno kiun eldonas Josip Pleadin, recenzetas Pawel Fischer-Kotowski la publikigitajn librojn de 2017 kaj en Esperanto (inkluzivas *Amo Inter Ruinoj* de Trevor Steele kaj *Murdo en la Teatro* de Ronald Gates) kaj tiuj ne en Esperanto.

. El tiu lasta grupo "la plej grava" libro laŭ P.F.-K. estas ***Dangerous Language,*** majstre verkita originale de D-ro Ulrich Lins en 1990, titolita ***La Dangera Lingvo,*** kaj angle tradukita de Emerita Prezidanto de la Universitato de Hartford, Usono, Profesoro Humphrey Tonkin, en "bele eldonitaj" du volumoj.

La libro, rigore dokumentita, temas pri la persekutoj kontraŭ Esperanto. Jen klarigo pri la naskiĝo en 1887, la unue vigla kresko, kaj la rimarkinda travivo kaj supervivo malgraŭ la du koŝmaroj, faŝismo kaj stalina komunismo.

Nu, tenu vian spiron momente... la prezo estas preskaŭ ducent eŭroj! (€200) Sendube pli ol ducent kun aldona poŝtokosto. Kompreneble ne multaj el ni povas elspezi tiom da mono kontraŭ unu verko negrave kiom bela kaj utila. (Kvankam...ĉu vi memoras kiom vi pagis por via P.I.V. kompare kun via tiama enspezo?)

Tamen! Estas pluraj Esperanto-Asocioj en Aŭstralio kiuj ja povus aĉeti la duvoluman paron por sia klubo. Aldone, S-ro P.F.-K. sugestas, *"...eble konsideru fari donacon por iu proksima al vi universitata aŭ alia scienca biblioteko"*. Kia bonega ideo. Karaj kasistoj kaj komitatanoj – bonvolu konsideri. La eldonisto estas Palgrave Macmillan UK.



*Vera Payne*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Deziritaj fotoj per AEA



Karaj amikoj,

Por la preparata eldonaĵo pri la personecoj de la aŭstralia E-movado mi serĉas informojn kaj fotojn:

- foton pri Grace Barlow Kirkwood,
- foton pri Harold Beechy, kiu aktivis en Melburno kaj Brisbano,
- s-ino N. Bowers el Perto, ŝi estis en la estraro en 1963-69,
- foton pri Norman V. D. Brodie el Perto, li estis prezidento en 1967,
- informojn kaj foton pri Audrey Bruton, kiu siatempe verkis biografion de Frank Banham,
- Ĉu en Perto ekzistis iam E-domo? Se jes, kie?

*Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Pri kvizeto de Marcel



Kara Marcel,

jes, ni vidis, ke vi enmetis kontrolon, ĉu la legantoj okupiĝis pri la solvoj al via kvizeto.
Kompreneble, la solvo por numero 53 ne povas ekzisti, kiam estas nur 50 proponoj.
Numero 53 donis la solvon al frazo 33.
Tiom facile vi ne povas logi nin en kaptilon. :-)
Amike, *Peter Weide*

Mi rekomendas:
http://esperanto-gramatiko.saluton.dk




★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 11 Ree kokinoj trio ero



Iun dimanĉon la Esperanto-grupo kunvenis en nia domo. Venis multaj, kaj mi estis pentrinta portreton de Zamenhof je ilia honoro. Nu, mi ne estas pentristo, nur pentrinda, kaj neniam plu mi pentros. Sed estis amuze provi. Rigardinte la portreton

ili demandis al mi, "ĉu tiu estas via patro ?" "Ne", mi respondis, "tiu estas Zamenhof" ! Ili apenaŭ povis kredi min. Sed laŭ mia opinio estis almenaŭ portreto de maljunulo kun okulvitroj kaj griza barbo !

Tiam kaptis min la ideo, ke se mi havus motorbiciklon kun flankĉaro, mi povus veturigi mian malgrandan familion kien ajn en la distrikto dum la vesperoj. Dum ferioj mi povus veturigi ĝin kien ajn en Anglujo. Kaj subite min kaptis la bonega ideo, ke mi povus eĉ forlasi Anglujon.

Parolinte kun mia loka policano, kiu diris al mi, ke li helpos min aĉeti motorbiciklon, mi decidis tian aĵon aĉeti. Mi devis ĉiun sabaton, en la posttagmezo, ekzerci min je motorbiciklado en Kembriĝo. Sed, kiel ĉiam, ĉu ne ? demandinte al Saunderson, ĉu mi povos liberiĝi kelkajn sabatajn posttagmezojn por lerni motorbicikladon, li patrece klarigis al mi, ke mi tute ne deziras lerni tion. Ke estas multe pli bone por mi resti en lia kokinejo laborante la tutan tempon.

Mi laboris profunde pensante. Mi staris en la ovolavejo lavante ovojn. Subite mi aŭdis pafon. Mi eliris kaj rigardis, sed vidis neniun krom la arogantulon, kiu forkuris kun pafilo. Mi estis tiam nomanta lin "Strelnikof", laŭ iu pafmortigemulo en "D-ro Ĵivago".

Venis la vespero, mi iris hejmen, tio estis nur transiri la vojon, kaj jen mi estis en mueleja domo n-ro 2. Tie estis Audrey, Marko Anglo kaj Allan, kaj la nigra kato. Sed mankis la testudkolora. Suspektema fariĝis mi. Mi eliris en la mallumon sur la vojon por serĉi la testudkoloran. Ŝi estis nenie videbla !

La postan matenon mi ree iris labori. Mi laboris kelkajn tagojn, la testudkolorulino ne revenis. Mi malĝojis. Mi estis certa, ke Strelnikof pafmortigis ŝin !

Tiam mi decidis foriri. Estis nenio por mi en Anglujo. Pli bone estas forlasi mian amatan Anglujon. Kaj mi tion faris.

Unue mi sendis Audrey kun la knaboj kaj Nigrulo suden al ŝia onklino. Post tio mi trankvile laboris kelkajn tagojn, dirante, ke Audrey sentas sin malsana, kaj pasigas kelkajn tagojn ĉe siaj gepatroj. Venis sabato, mi estis mendinta taksion el la vilaĝo. En mia manĝopaŭzo mi petis Saunderson, ĉu mi povas havi mian ferimonon jam nun, ĉar mi devas pagi por la elektro, kiun mi uzis. Li volonte donis al mi la monon, mi iris hejmen, venis la taksio, mi iris al la stacidomo, kaj iris al Londono. La postan tagon mi estis en la ŝipo al Danlando. Sed mi ne fieras, ke mi faris tion, ofte mi pentas, ke mi povis tiel agi !

*Daŭrigota* *BobFelby*





## 3ZZZ



Eble vi sekvis la Vintrajn Olimpikajn Ludojn kaj demandas vin ĉu ili kontribuas al disvastigo de internaciista spirito aŭ naciista spirito.

Respondon al tiu demando proponas la elsendo de la 26a de februaro 2018. Se vi ŝatas birdojn, eksciu ankaŭ pri la sorto de noktua.

informas la kunvokanto *Franciska Toubale*



